*Karaj geamikoj,*

*baldaŭ finiĝos la jaro 2003, kiu alportis al ni plurajn novajn legantojn tra la mondo. Dank' al ili kaj la fidelaj malnovaj legantoj, laŭ la decido de ILEI ni povos daŭrigi nian laboron ankaŭ en 2004, sed necesas ankoraŭ altiri plurajn dekojn da novaj legantoj kaj patronoj por ke nia revuo restu finance stabila.*

*Malgraŭ kelkaj zorgoj mi rigardas al la nova jaro kun espero kaj fido pri solidareco de nia granda familio, kies komuna lingvo pliproksimigas kaj amikigas multajn pur-korajn teranojn.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

## ENHAVO



**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni la kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne plu uzas ĝin.


INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE
**ILEI**
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ
DECEMBRO 2003 N-ro 4(107)


***Sur la titol-paĝo:*** *Populara desegnaĵo de* ***Marja-Liisa Pitkäranta*** *(Finnlando), kiu forlasis nin en la pasinta jaro.*

# Paca nokt', sankta nokt'

**_Jen unu el la plej konataj Kristnaskaj kantoj en Eŭropo_**

Muziko: *Franz* G*RUBER* *(1787-1863)*
Teksto: *Joseph* M*OHR* *(1792-1848)*




Paca nokt', sankta nokt'!
Tra l' aer' vibras kant'.
Al paŝtistoj proklamas anĝel':
Li kondukos vin al la ĉiel',
Li, de l' mondo Savant'.

Paca nokt', sankta nokt'!
En la mond' Fil' de Di'!
Am' radias al ni el ĉi kor'.
Por elsavo nun sonas la hor':
Krist' naskiĝis por ni!

*anĝelo:* ĉiellandano / *buklo:* spirale volviĝanta hararo / *muti:* silenti / *proklami:* solene sciigi / *vibri:* sonori laŭ alternaj laŭtiĝoj kaj mallaŭtiĝoj.

# KRISTNASKA KANTO

Estis la jaro 1818, la tago de la Krist-naska festo. Mankis nur kelkaj horoj ĝis la komenco de la Kristnaska di-servo en la preĝejeto de Sankta Nikolao en la aŭstra vilaĝo *Obernhof*, kie malgranda rivereto estas la land-limo inter Aŭstrio kaj Germanio. La loka malriĉa komunumo ne havis monon por ripari la kadukan orgenon. La instruisto de la vilaĝo ***Franz Xaver Gruber*** [Franc Ksaver Gruber], kiu ankaŭ ludis la orgenon, longe kaj vane penis pri helpo. Li estis lerta muzikisto kaj, de tempo al tempo, li prezentis eĉ malgrandajn proprajn kantojn.

Kiam matene de la Kristnaska festo li kun la pastro provis la programon de la meso, la orgeno definitive mutiĝis. Ĉu la Kristnaska festaranĝo okazu sen muziko? Por almenaŭ iomete savi la situacion, la pastro ***Joseph Mohr*** [Josef Mor] eltiris el sia tablo kelkajn versojn, kiujn li antaŭ nelonge verkis. La instruisto Gruber komencis komponi por la ricevitaj versoj simplan melodion por gitara akompano. La preĝeja ĥoro rapide ellernis la novan kanton, tute ne kutiman, sen orgena muziko, kvankam la liturgio preskribas tion. Sed la vilaĝanoj estis kontentaj pri tiu ĉi varianto de Kristnaska meso *"Paca nokt', sankta nokt'."*

Tamen la eklezìaj superuloj havis alian opinion pri la afero. Por ili tio estis "propra-vola okazaĵo" kaj signo de "ne-kristana intrigo", sekve ili tuj eksigis sinjorojn *Gruber* kaj *Mohr* el iliaj postenoj. La fifaman kanton ili malaperigis ie, en iu eklezia ŝranko.



Post sep jaroj, venis al Obernhof orgen-faristo, kiu trovis la paperon kun notoj, rapide kopiis kaj donis ĝin al konata kant-grupo. La nomon de la aŭtoro li intence forlasis. La kantgrupo prezentis la verkon en 1832 dum koncerto de popolaj kantoj, unue en Leipzig kaj poste en la reĝa kapelo. En la jaro 1843 la kanto estis publikigita en *Muzika hejm-trezoro de germanoj* sub titolo *Tirola popola kanto.* Nur kiam la berlina reĝa kapelo petis de la aŭstria eklezia oficejo kopion de la kanto, oni hazarde trovis ankaŭ la nomojn de la aŭtoroj.

Berlinaj gurdistoj komencis ludi la kanton, kaj la familiara *Paca nokt', sankta nokt'* komencis sian triumf-iron tra la mondo. Oni tradukis ĝin en pli ol 60 lingvojn. Kompreneble, ankaŭ en Esperanton.

La malnovan preĝejeton neniigis fajro. La restaĵoj de la muroj troviĝas ankoraŭ hodiaŭ sur la herbejo antaŭ la malgranda kapelo, kiun oni konstruis en 1937 sur la sama loko. Kaj tie festas la fieraj vilaĝanoj de Oberndorf ĉiu-jare dum la Kristnaska vespero la *Sankta-Nokto-Feston* laŭ malnova kutimo.

*Laŭ "Berliner Zeitung"*
*Dieter BERNDT,*
*Germanio*

*definitive:* ne-ŝanĝeble / *eklezio:* organizita kristana komunumo / *familiara:* senceremonia / *gitaro:* populara 6-korda muzikilo / *gurdo:* portebla aŭtomata orgeneto / *ĥoro:* kantantaro, koruso / *intrigo:* ruza agado por (mal)ebligi ion / *kaduka:* malnovega, disfalonta / *kapelo:* preĝejeto / *komponi:* verki muzikon / *koncerto:* muzika prezentado / *liturgio:* eklezia programo difinita de superuloj / *melodio:* agrabla sinsekvo de muzikeroj / *meso:* di-servo katolika / *orgeno:* granda blov-muzikilo el tuboj, uzata ĉefe en preĝejoj / *posteno:* ofico de iu / *preskribi:* skribe ordoni / *triumfo:* sukcesego.

# KOR-KORBO

Preparu du longajn rekt-angulajn paperojn de malsamaj koloroj. Faldu ilin duone kaj faru en ili po tri longajn paralelajn trancojn ekde la faldo. *(Ne hezitu fari pli longajn trancojn ol estas necesaj por faciligi la laboron.)*



Teksu kiel montrite. La bendo 1 alterne estas malferma kaj ferma kaj pasas internen, eksteren, internen, ktp... dum la plektado.






Post la teksado per bendo 1, vi devas ĝin ŝovi supren je unu ŝtupo, kaj tio ebligas al vi teksi per bendo 2. Bendo 2 pasas kiel bendo 1, sed kun inversaj koloroj. Fine, ŝovu ankaŭ ĝin supren je unu ŝtupo kaj plektu simile per bendoj 3 kaj 4.








Kiam la teksado estas finita, tondu la liberajn suprojn en formo de koro (vidu la ĉi-supran bildeton).
Nun vi povas uzi la korkorbon, metante en ĝin donaceton.
*Konsilo:* Unue ekzercu vin per granda senvalora papero.

*Ginette MARTIN*, Francio

## La projekto INTERKULTURO vivas denove

# *inter vi, mi kaj niaj kulturoj*

Se vi volas renkonti sam-aĝulojn el aliaj landoj, se vi volas havi amikojn en la tuta mondo, vizitu la interretajn paĝojn de ***www. interkulturo.net***. Tie vi trovos la novajn vizaĝon kaj enhavon de INTERKULTURO. Vi trovos temojn kaj rimedojn por interkultura kunlaboro. INTERKULTURO proponas al vi diversajn ludojn kaj ekzercojn por plie interkonatiĝi per Esperanto. Vi povas ankaŭ proponi novajn temojn kaj ludojn. Aliĝu al INTERKULTURO kun via Esperanto-grupo. Perkomputilaj aliĝiloj estas troveblaj ĉe ***www.interkulturo.net./registrigxo/***. Viajn proponojn, kritikojn kaj laŭdojn sendu al ***teamo@interkulturo.net*** kaj / aŭ al Juna Amiko.

## Fabelkonkurso 2003

# *Venkis Jaroslav Vorobjov, Ruslando*

*La literatura kaj kultura* ***Päätalo-Instituto*** *kaj la* ***Esperanto-Societo*** *de Taivalkoski, Finnlando, la kvaran fojon organizis ĉi-jare* ***Internacian fabelkonkurson en Esperanto*** *por infanoj 6-13-jaraj. La rezultoj estis anoncitaj la 18an de oktobro, sam-tempe kun tiuj de la fabelkonkurso por finnaj lernejanoj, kiun la supra instituto organizas ĉiu-jare ekde 1993. La rezultojn anoncis s-ino Aini Vääräniemi, prezidanto de la E-Societo. Etaj Esperanto-lernantoj de vilaĝo Metsäkylä kantis en la festa aranĝo kaj kantigis ankaŭ la publikon en Esperanto.*

*La Esperanto-konkurso allogis 14 fabelojn el ok landoj. La verkoj estis prijuĝitaj de ĵurio, en kiu membris s-inoj Sylvia Hämäläinen, Anja Karkiainen kaj Raita Pyhälä. La ĉefan premion "Fabelo Internacia" gajnis Jaroslav VOROBJOV el Ruslando pro sia fabelo "Ljapiklando kaj ties loĝantoj". La liston de la premiitoj vi trovas sur paĝo 16. Gratulon!!!*

**Se vi havas malpli ol 14 jarojn, ankaŭ vi partoprenu en la konkurso de la venonta jaro!**

*Redaktas: Monika MOLNÁR*

# TRA LA JARO

❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄ ❄

***Tiu ĉi saĝa monstreto havas en la kapo la tutan jaron kun la nomoj de la tagoj de semajno (lundo, mardo, merkredo, jaŭdo, vendredo, sabato, dimanĉo) kaj kun tiuj de la monatoj (januaro, februaro, marto, aprilo, majo, junio, julio, aŭgusto, septembro, oktobro, novembro, decembro). La literoj de la nomoj sin sekvas en horizontala aŭ vertikala aŭ diagonala linio, sed... unu malobeas!***
***Se vi forprenas tiujn, kiuj estas en ordo, la literoj, kiuj restas, diros al vi, kiu petolas. Ĉu vi trovos la petolulon? Plenan sukceson al vi!***

| | | | | L | | A | | V | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | O | R | A | U | R | B | E | F | |
| | M | D | ■ | L | M | J | U | N | I | O |
| | A | Ŭ | G | U | S | T | O | D | O | R |
| O | R | A | U | N | A | J | O | R | O | B |
| | D | Ĵ | N | D | B | A | B | E | R | M |
| | O | E | T | O | A | O | O | D | B | E |
| | | | R | P | T | J | U | O | M | V |
| | | | R | K | O | L | J | I | E | O |
| | | I | O | T | R | A | M | O | C | N |
| | L | O | R | B | M | E | T | P | E | S |
| O | | | O | Ĉ | N | A | M | I | D | |

**Solvo: ..........................................................................**

# LA DUA ETAĜO

## *Venu En Nian Duan Etaĝon*

**Akvo-fala krucvort-enigmo de Hajnal kaj Stefan MacGill**



***Pro malbona vetero, Fredo veturigas amikon en aŭtomobilo. Sed ne estas agrable, ĉar la tegmento likas. "Fredo", demandas la amiko, "Ĉu akvo ĉiam eniras vian aŭtomobilon?" "Ho, ne", respondas Fred, "..........".***

**Por scii la respondon, solvu la enigmon!**

### *Horizontale:*

1. Io, kion estas bone doni aŭ ricevi.
6. La sola de sia speco; nur unu en la mondo. (R)
7. Oranĝ-kolora legomo, kiun ŝatas kuniklo.
9. Senakva. (R)
10. Hom-grupon, etnon.
13. Rilata al la rivero de Firenzo.
14. Batal-grupegoj.
15. Aŭto-ŝilda simbolo por Portugalio.
16. Lerneja grupo.
18. Korpo-parto inter kokso kaj piedo.
19. Oportune, pozitive.
21. Ludilo kun longa vosto. Ĝi flugas fine de ŝnuro en venta tago.
22. ___ revido!
23. Sufikso por esprimi frakcian parton.

### *Vertikale:*

1. Flankan (la flanko, kie estas la altaj notoj ĉe piano).
2. La kaŝ-frazo. (3, 4, 5)
3. Membro.
4. Acida flava frukto.
5. Inter sepo kaj naŭo.
8. Gas-mikso, kiun ni spiras. (R)
11. Grupoj de mebloj en domo, kien oni metas librojn.
12. Pinta metala fiksilo, kiun oni batas en muron, por pendigi bildon, ekzemple.
16. Eligi bruon okaze de rompo de branĉo, ekz.
17. Tio, kio okazos al vi, kaj kion oni ne povas nun koni.
18. Kultura Festivalo (mallongigo).
20. La plej longa geologia tempo. (R)

(R) = Uzu nur radikon, sen finaĵo.

***La solvon por premio sendu al la redaktoro (p. 27) ĝis la 1a de februaro.***

*Karina MacGill*

# ĈIO INTERESA PRI PANDOJ

Pandoj manĝas nur bambuon: la tigojn, foliojn kaj sprosojn. Plen-kreska pando manĝas dum 16 el la 24 horoj tage. Ili kutime manĝas dek ĝis dudek kilogramojn da bambuo tage.

En la naturo vivas nur ĉ. 700 pandoj, kaj 120 en besto-ĝardenoj. Ili vivas en la altaj partoj de suda Ĉinio, en alteco de 1200 ĝis 4000 metroj. En 1998 oni kredis, ke post la jaro 2000 ili ne plu ekzistos, sed tio ne okazis, feliĉe.




Ili havas proprajn teritoriojn kaj kutime evitas unu la alian. Inter marto kaj majo ili serĉas parojn. Por ĉiu ina urso estas 4 aŭ 5 viraj. La vir-urso ne atendas la naskon, sed baldaŭ reiras al sia teritorio. Post 3 ĝis 5 monatoj, la ino serĉas varman sekuran lokon kaj naskas. Kutime naskiĝas 1 aŭ 2 idoj, malofte 3. Se estas pli ol unu, la panjo donas ĉefan atenton al unu, por ke ĝi havu plej grandan ŝancon travivi.

Post kvin monatoj, la ido ĉesas trinki la panjan lakton kaj komencas manĝi bambuon. Ene de unu aŭ du jaroj, la ido forlasas la panjon kaj elektas propran teritorion.

*Kie vi loĝas?*

En granda plur-etaĝa domo de komerca kvartalo. Ni loĝas en ter-etaĝo. La aliaj iras supren laŭ ŝtuparo aŭ per lifto ĝis la subtegmento (mansardo). *Variantoj:* En propra familia domo kun korto kaj ĝardeno / unu-etaĝa ĝemel-, ludomo / farm- aŭ bien-domo / kastelo / palaco / vilao / tur-domo

*El kiom da ejoj / lokaloj / ĉambroj konsistas via loĝejo / apartamento?*

El antaŭĉambro (vestiblo) / verando, kuirejo, kamero, necesejo, ban-, manĝo-, dormo-, gasto-, vivoĉambro (salono) sen / kun balkono (al parko, strato, aŭtoparkejo, maro, rivero, ktp.)

*Priskribu vian loĝejon.*

# NIA HEJMO

**Temo por dialogi kaj konversacii**





*Ĉe priskribo de la ejoj, uzu la subajn vortojn (kaj konsultu vortaron):*

(mal)dekstre de ..., (tuj) apud, ĉe, sub, super, oblikve de... staras, kuŝas, pendas, estas, troviĝas, situas, estas lokita(j)

*planko:* ligna, kahel(it)a, parget(it)a, tapiŝa, vaksa, argila (tapiŝ~, vaks~, argil~)

*muroj, plafonoj:* (helverde, ...) farbitaj, tapetitaj, (mal)altaj

*pordo:* simpla, duopa, dukla-pa, sving~, klap~ al kelo, subtegmento, fenestro~ al balkono; seruro, manilo



*fenestro:* simpla, duopa, tegmenta, du-, triklapa, baskul~, ŝutro, ĵaluzio, (rul)kurteno
*mebloj:* lito, divano, sofo, kanapo, fotelo, puf-, lul-, apog-, fald-, tol-, brakseĝo, libro-, vest-, servico-ŝranko, komodo, bret(ar)o, (nokto)tabl(et)o, skribotablo, florstablo
*instalaĵoj:* bankuvo, duŝ(il)o, lavabo, necesabo, kranoj, elektra fornelo, gasfornelo, fridujo, frostujo, polvosuĉilo, televidilo, mur-, vekhorloĝo
*ornamaĵoj:* bildoj, fotoj, pentraĵoj, afiŝoj, (mur)tapiŝoj, ĉambro-plantoj, ceramikaĵoj, lustroj, lego-, star-, murlampoj, lampo-ŝirmilo

*Respondu la demandojn!*

Kie troviĝas via lito? Ĉu vi dormas sola en la ĉambro? Kiu pri- kaj formetas la litaĵojn? Kie vi lernas, skribas, televidas? Ĉe purigado de la loĝejo, kiel vi helpas, rakontu. Kie staras via lavmaŝino? Kie vi sekigas la lavitaĵojn? Kie staras via rubsitelo / rubujo? Kiu elportas la rubaĵon? Ĉu vi selektas la rubaĵojn? Kiuj faklaboristoj renovigas loĝejojn aŭ riparas difektojn? (farbisto, tapetisto, gas-, akvo-, elektromuntisto, pargetisto, vitristo, kamenpurigisto)

*Anja Karkiainen*

## Silvestra renkontiĝo

**Sur la sojlo olda viro,**
**laciĝinta deĵoristo,**
**staras preta por eliro**
**kaj transdon' de tasko-listo.**
**Multo estas jam farita,**
**multon mem aldonis li.**
**Venas jen knabeto sprita,**
**plenas li de energi'.**

**Vigle diras li: Mi dankas**
**vin, sinjor' Malnova Jaro!**
**Mi rigardu, kio mankas**
**kaj ekzorgu pri la faro!**
**Kun bastono en la mano**
**la oldulo iras for.**
**Senhezite la infano**
**eklaboras kun fervor'.**

*deĵori:* labori en difinita tempo-daŭro antaŭe fiksita / *heziti:* ne esti certa en decido / *olda:* maljuna / *sprita:* mense vigla / *Silvestro:* vira nomo kun nom-tago en la lasta tago de jaro.

# Ne forgesu!

**15 decembro**

**FESTOTAGO de la TUTMONDA ESPERANTISTARO**

# Per lernu plulernu Esperanton!

En la TTT-paĝaro ***www.lernu.net***
vi povas pli-bonigi vian Esperanton per

- divers-nivelaj kursoj
- interaktivaj ekzercoj por vortoj kaj gramatikaĵoj
- ludoj kaj gramatik-klarigoj
- rakontoj de ekzemple *Claude Piron* kaj fratoj *Grimm*.

Kiam oni legas tekston / rakonton ĉe *LERNU*, unu el la avantaĝoj estas, ke – se oni ne komprenas vorton – oni simple klakas sur ĝi kaj tuj vidiĝas klarigo aŭ traduko en aparta kadro.
Se vi registriĝos, same kiel jam ĉirkaŭ 3000 personoj faris, vi povos ricevi lingvohelpon de spertaj Esperanto-parolantoj, trovi korespond-amikon kaj komunikiĝi kun Esperanto-lernantoj el diversaj partoj de la mondo.




*Salutas vin la nuna teamo:*
***Argilo*** (Kanado), ***Bertilo*** (Germanio), ***Hokan*** (Svedio), ***Ĵenja*** (Litovio), ***Neringa*** (Litovio), ***Sonja*** (Serbio).

*Hokan* L*UNDBERG*

P.S. Se vi estas instruemulo kaj ŝatus helpi al homoj, kiuj lernas Esperanton per Interreto, vi estas tre bonvena kontakti nin: ***teamo@lernu.net***

## Absolutaĵoj

*Kio estas absoluta senapetiteco?*
Kiam iu ne volas preni eĉ la manĝaĵojn, kiujn la kuracisto malpermesis al li.

*Kio estas absolute terura situacio?*
Kiam oni volas kvereli, sed ne havas kunulon.

*Kiu estas absoluta stultulo?*
Kiu estas sola partoprenanto en konkurso kaj akiras nur la duan lokon.

*Ne tiu estas stulta, kiu ne scias, sed kiu ne volas scii. (H. Skovoroda)*

*La tero havas limon, sed la homa stulteco estas senlima. (Flaubert)*

*Laŭ Elizabeta* R*AJTMÁR*, Hungario

*Lev TOLSTOJ*

# Falko kaj koko

Falko alkutimiĝis al sia mastro, ĝi flugis al li sur la brakon, kiam li vokis ĝin. La koko male, fuĝis de antaŭ li kaj kriadis, kiam li proksimiĝis al ĝi.



La falko diris al la koko:

– Vi kokoj tute ne estas dankemaj. Ŝajnas, ke vi estas denaskaj servistoj. Vi venas al la mastro nur kiam vi estas malsataj. Sovaĝaj birdoj estas tute aliaj: ni estas fortegaj, flugas pli rapide ol ĉiuj aliaj birdoj, kaj ni ne fuĝas de antaŭ homo, eĉ ni flugas sur lian brakon, se li vokas nin. Ni neniam forgesas, ke la homoj nutras nin.

La koko respondas:

– Vi ne fuĝas de antaŭ homoj, ĉar vi neniam vidis falkon fritita, sed foj-foje ni vidas gekokojn tiaj.

Esperantigis: *Elizabeta RAJTMÁR*

*falko:* ĉas-birdo.

## *"Mez-Eŭropo Estas Mia Hejmo"*

En Kroatio ĉi-jare okazis la dua renkontiĝo (30 aŭgusto – 7 septembro). Partoprenis ĝin ok gejunuloj el Francio, Hungario kaj Kroatio.

Ĉi-jare la temo estis nia arkitektura heradaĵo. Ĉefprelegis arkitekto *Teodora Kuchinac* kaj *Spomenka Štimeć*. Krome, la partoprenantoj parolis pri sia nacia lingvo kaj kulturo. Kadre de la temo ili vizitis kelkajn arkitekture interesajn lokojn, kiel vilaon "Astra" en Lovran, urbeton Opatija kaj kelkajn lokojn en Rijeka.

Tamen restis por ili sufiĉa tempo por promenadi kaj sin amuzi.

La renkontiĝo ŝajnas fariĝi tradicia kaj la organizantoj, Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Societo Rijeka intencas ĝin ripeti ankaŭ en la sekva jaro. Ni atendas ankaŭ vin.

*Emil Hrvatin,* Kroatio

rukili@netvision.net







# Ĉu nepras scii programi komputilon?

"**Programi komputilon**" signifas skribi listojn de instrukcioj, nomataj "**programoj**", kiujn la komputilo plenumos. Por skribi "programon" oni uzas grupon da strikte difinitaj vortoj, signoj kaj rilataj reguloj, nomata "**programlingvo**". Oni povas elekti inter centoj da programlingvoj sed la plej gravaj kaj uzataj estas deko (C++, JAVA, ktp.) Fakte, bon-ŝance, oni povas uzi komputilojn sciante nenion pri programado, nur rulante centmilojn da fin-pretaj programoj: foliumiloj, tekstiloj, ludoj, ktp. Sed tamen fakuloj opinias, ke

"ĉiu junulo neprus lerni almenaŭ la bazajn principojn de komputila programado!"

**Jen kelkaj kialoj:**

## Fakule



## Dirante

- **Programado estas nekredeble amuziga** - Kie ajn vi povas trovi sklaveton *ĉiam preta, eĉ dezirema, fari ĉion kion vi diras?*
- **Via logika pensokapablo evoluos** – Vi lernos pripensi sinsekvojn de eventoj, operacioj, k.t.p. ege pli precize.
- **Vi kapablos fari kalkulojn malfacile esprimeblajn**, se oni ne uzas program-lingvojn. Vi komprenos la sinsekvon de paŝoj bezonataj por ordigi liston, trovi radikojn kaj por multaj aliaj taskoj.
- **Vi kapablos plej bone solvi problemojn** rilatajn al teknikaj fakoj. Viaj kunuloj sin adresos al vi kun respekto por peti helpon.
- **Vi ĝisfunde povos ekspluati programaron** – Nunaj rafinitaj programoj enhavas eblojn de programlingvoj kiujn nur programistoj povas ekspluati.
- **Programado povus iĝi via profesio** – Se vi sentos vin komforte programi komputilon per kelkaj programlingvoj kaj preciza eĉ skrupulema laboro ne timigas vin, programado povus iĝi via dumviva kontentiga profesio.

Eblas kompreni kiel oni povas, per programo, regi komputilon kaj kiel komputilo plenumas la instrukciojn de programo, sen uzi veran komputilon. En tiu ĉi dua parto de nia rubriko ni uzos teorian modelon de komputilo (**"Maŝino de Turing"**) por lerni kio estas "**algoritmo**" kaj kiel prepari programojn por tia maŝino. Kompreneble por solvi verajn komputikajn problemojn oni nepras uzi verajn komputilojn kaj ilia programado postulas pluan, multe pli sindevigan, lernadon. Do, jen propono de Juna Amiko al ĉiu el vi :

Ekde **Decembro 2003**, ĉiu abonanto de Juna Amiko povas partopreni senpage la interretan kurson "Fundamentoj de Komputiko per uzo de programlingo JAVA". Kvankam la kurso estas en nivelo de supera lernejo, tamen la instrumetodo celas komprenigi la temojn kaj praktikigi la sciojn al ĉiu "serioza kaj laborema" komencanto. Do, karaj geamikoj, pri pliaj detaloj rilate vian aligxon al la kurso kaj pri iu ajn komputila problemo/dubo/demando, skribu al mi senĝene (ret- aŭ paperpoŝte) ĉe:

Retadreso: rukili@netvision.net Poŝtadreso: P.K. 386 Omer 84965 ISRAELO ***(saĝulo)***

*abstrakta:* rilata nur al puraj ecoj / *algebro:* branĉo de la matematiko / *aritmetiko:* branĉo de la matematiko / *baza:* rilata al esenca deirpunkto / *ekrano:* komputila eligilo vidiganta informojn al la uzanto / *eksplicite:* detale esprimita / *ekspluati:* frukt-uzi / *evento:* difinita okazaĵo / *fakule:* laŭ tiu, kiu sin okupas pri aparta tekniko / *foliumilo:* programo por prezenti kaj movi tekston sur komputila ekrano / *fondi:* krei / *fundamento:* esenca bazo / *instrukcio:* difino de kiu estu farata pere de komputilo / *komputiko:* scienco pri komputado / *komputilo:* aparato kiu, aŭtomate prilaboras datenojn laŭ instrukcioj / *logiko:* taŭga pensmaniero / *matematiko:* scienco por problemsolvado / *modelo:* simpligita prezento de sistemo / *nivelo:* grado de alto / *operacio:* kalkulo farata pri nombroj kaj kvantoj / *p.K.:* post Kristo / *plenumi:* fari plene tion kio estas farenda / *precize:* en ĝusta kaj klara difinita maniero / *principo:* ĝenerala regulo

# Algoritmo

"Eksplicite priskribita procedo por plenumi iun kalkulon"

La vorto "**algoritmo**" devenas el la nomo de la persa fakulo al-Khowarizmi, kies libro pri aritmetiko (ĉirkaŭ 825 p.K.) enhavis multnombrajn procedojn por solvi algebrajn problemojn.
Iu ajn procedo, aŭtomate plenumebla, nomiĝas algoritmo se ĝi taŭgas laŭ la jenaj kvar kondiĉoj:

- konsistas el konata nombro da paŝoj (t.e. je specifa situacio la procedo haltos)
- je ĉiu paŝo estas precize fiksita la sekva paŝo
- havigas la solvon de ĉiuj samformaj problemoj ne nur la solvon de iu aparta kazo
- estas komprenebla kaj plenumebla fare de iu plenumanto (ekz. Maŝino de Turing).



***Ekzemploj de algoritmoj*** : proceduoj por kalkuli la rezulton de aritmetikaj esprimoj, por ordigi listojn.
***Ne estas algoritmoj*** : la kuirartaj receptoj. Kial? Pripensu la aferon laŭ la supraj reguloj!

## La Universala Maŝino de Turing

**Alan Turing** (1912 – 1954) *brita matematikisto, estas la fondinto de komputiko. En 1936 li priskribis **modelon de komputilo** en formo la plej simpla, abstrakta kaj esenca – la Universala Maŝino de Turing, kiu kapablas plenumi **algoritmojn**.*




La maŝino turinga konsistas el tri partoj:

- **Bendo** por registri la demandon kaj skribi la respondon de la maŝino en formo de literoj aŭ numeroj.
- **Legilo/Skribilo** por legi kaj skribi la literojn. Ĝi povas legi literon, skribi literon, moviĝi unu paŝon dekstren sur la bendo, aŭ moviĝi unu paŝon maldekstren.
- **Decidilo,** kiu prenas la literon el la legilo kaj, dependante de la litero, ordonas la legilon/skribilon moviĝi aŭ skribi aŭ legi.

Tio ŝajnas simpla, sed Turing pruvis ke tia maŝino povas plenumi iun ajn algoritmon. Fakte, ĉiu ekzistanta komputilo estas esence tia maŝino. La nuna teknologio ebligas ege rapidigi aŭ grandigi la komputadon. Ekde la venonta JA-numero ni amuziĝos preparante "programojn" por nia tre malrapida kaj ne elektronika sed ege potenca logika maŝino. Ĝis la revido!

*problemo:* ĉio malfacile klarigebla aŭ solvebla / *procedo:* agmaniero por atingi difinitan rezulton / *profesio:* okupo per kiu oni akiras vivrimedojn / *programaro:* tuto de la programoj uzataj en komputiloj / *programo:* listo de instrukcioj por komputilo / *propono:* prezento al iu de io ne petita / *rafinita:* vigle saĝa / *recepto:* skriba klarigo pri preparado de manĝaĵo / *ruli:* plenumigi komputilan programan / *rulumi:* movi tekston sur komputila ekrano / *sindeviga:* postulanta tempon kaj penon / *sinsekvo:* aro da aĵoj regule metitaj unu post alia / *sklavo:* obeema servanto / *skrupula:* ege preciza / *strikta:* ĝuste kaj klare difinita / *supera:* pli alta / *t.e.:* tio estas / *tekniko:* tuto de praktikaj konoj pri teknologio / *teknologio:* scienco pri la iloj kaj sistemoj de produktado de obiektoj / *tekstilo:* programo por redakti tekston / *teoria:* abstrakta

# KVIZO LUDO POR VIA PLEZURO

*Por resti sana, manĝu pizon;
por perfektiĝi, solvu kvizon!*

## Jen la listo-pintoj post tri turniroj:

***Kategorio B***
1. *Svijetlana Akik,* HR, 55 poentoj
2. *Ivana Bekavac,* HR, 54 poentoj
3. *Petra Ilinić,* HR, 51 poentoj

***Kategorio M***
1. *Samanta Čajić,* HR, 52 poentoj
   *Maria Milković,* HR, 52 poentoj
2. *Elisee By'elongo,* SA, 18 poentoj

***Kategorio S***
1. *Maria Molnár,* HU, 79 poentoj
2. *Ekaterina Popoviciu,* RO, 72,5 poentoj
3. *Lenče Efremova,* MK, 53 poentoj

***Grupoj:***
1. *Ursourbo,* HR, 57,5 poentoj
2. *Marijanpole,* LV, 52,5 poentoj
3. *Metsäkylä,* FI, 27,5 poentoj

## Premiitoj de la Internacia Esperanta FABELKONKURSO

***Kategorio A***

**1. Alina Calibe Bruegger (DE): La floreto**
2. Larissa Bister (FI): La aventuro de formiko
3. Francesco Bentigvoli (IT): Pupo por amiko
   Klara Delarasse (FR): Kuniklo kun knabino

***Kategorio B***

**1. Hajnal MacGill (HU): Surikato en Usono**

***Kategorio C***

**1. Jaroslav Vorobjov (RU): Ljapiklando kaj ties loĝantoj**
2. Paolo Pezzi (IT): La lando de la pano
   Silvio Ravaioli (IT): Filipo
3. Laura Ziegelmueller (CH): Ĵinja

***Grupoj:***

**1. Ecole de la Grande Ourse (CH): Amo sen limo**
2. "Amiketoj de Kolibridoj" (CU): Feĉjo la kapreolo
3. Ivan Gandolfo kaj Martin Haldemann (CH): Marcel

La premion **"Fabelo Internacia"** gajnis *"Ljapiklando kaj ties loĝantoj"* de ***Jaroslav Vorobjov*** (RU).

*Aini Vääräniemi, ĉeforganizanto*

**La kompletajn listojn vi trovas en nia hejmpaĝo: *www.junaamiko. inf.hu* sub titolo *kvizolisto.***

**Tie troviĝas ankaŭ la detala regularo aŭ en la junia n-ro (105).**

Ĉi-apude vi vidas la lastan n-ron de la ĉi-jara kvizo-ludo. Ĉu ne estus utile elprovi viajn kapablojn kaj sciojn nun, kaj poste, en la nova jaro dekomence partopreni en la ludo?

Aparte ni rekomendas la partoprenon al la klasoj de INTERKULTURO. Grupa partopreno povas interproksimigi du aŭ eĉ pli da klasoj. Elektu iun trafan nomon kaj konkursu sub tiu nomo internacie. Pripensu la aferon!

| N-ro 4 | 14-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.II.2004 |
|---|---|---|
| 1 | Nomu tri speciojn de greno. | 3 poentoj |
| 2 | Kiuj estas la kvar ĉefaj partoj de greno-planto? | 4 poentoj |
| 3 | Tajpilo fuŝis iun literon. Kiun?<br>*Ne -z- tro da bakp-lvoro.* | 2 poentoj |
| 4 | Faru per afiksoj kvar vortojn el la radiko *bak-*. | 4 poentoj |
| 5 | Klarigu, kion signifas *novbakita* esperantisto. | 2 poentoj |
| 6 | Listigu ses verbojn, kiuj rilatas al kultivado de greno. | 3 poentoj |
| 7 | Komputilo mistajpis tri literojn. Kiujn?<br>*La xevalo tiris la warqon qis la pordo.* | 3 poentoj |
| 8 | Nomu tri pliajn greno-speciojn! | 3 poentoj |
| 9 | Kiu verkis la originalan E-romanon *Homoj sur la tero*? | 3 poentoj |
| 10 | Kompletigu la proverbon: ... *pano estas* ... *musoj ne mankas.* | 3 poentoj |

La solvojn sendu al *Raita Pyhälä, Berolinastr. 2, FI-69440 Lestijärvi, Finnlando*
Retadreso: *<suli267@szeged.sulinet.hu>*

*Ne restu la solvo ĉe vi sur papero, ⇧ sendu ĝin tuj al nia supra adreso!*

## SOLVOJ de n-ro 3/03 (p.19)

**1.** Tiu ĉi kvizo estas pli facila ol tiu antaŭ unu jaro. **2.** unuigi, unuiĝi, unu(a)eco, reunuigi, unuope; amikeco, amikema, amikiĝi, malamiko, amikaro; ludilo, ludema, ludejo, ludestro, ludigi; beleco, beligi, malbela, belulino, belaĵo ... **3.** La leciono komenciĝis. Mi dankas vin (al vi) pro (por) la helpo. Ni manĝis deserton. **4.** ricevi, naskiĝi, leviĝi **5.** Mi ekiris 10 minutojn post la 8a (horo). **6.** tagmezo, tagmanĝo, tagnoktegaleco, taglibro, taglaboristo, tuttaga, labortago, festotago ... **7.** Siatempe tiu gazeto estis legata tutmonde. **8.** Pardonu, kara amiko, pro la malfrua ĝeno, sed mi havas tre urĝan, neprokrasteblan aferon.* **9.** Finnlando, Taivalkoski **10.** Esperanto, Kontakto, Juna Amiko, Sennaciulo, Monato* (*: ekzistas pliaj ĝustaj solvoj)

### *La plej lertaj solvintoj de la septembra numero*

*(Redaktis kaj korektis: Geza Kurucz, Hungario)*

***Kategorio B***

1. Pušić, Rafaela; HR 18 p.
2. Grupo Ursourbo; HR 16,5 p.
3. Gal, Nives; HR 16 p.

***Kategorio M***

Solvoj ne alvenis.

***Kategorio S***

1. E-grupo Mätsäkylä (FI) 27,5 p.
2. Molnár, Maria; HU 26 p.
3. Popoviciu, Ekaterina; RO 25,5 p.

# LERNEJA BASBALISTO KUN ARTEFARITA PIEDO

Basbalo estas la plej populara sporto en Japanio. Ekde marto ĝis novembro okazas diversaj basbalaj ĉampionecoj. Inter ili la plej ŝatata estas tiu de mez-lernejanoj en la kategorio de 15-17-jaruloj. Por ili en ĉiuj 47 gubernioj la lokaj ĉampionecoj komenciĝas en junio, kaj la venkintoj akiras rajton partopreni la tut-landan ĉampionecon en aŭgusto en *Koosien-Basbalejo* (urbo *Koobe*).

Por partopreni en la impona basbala festivalo, ĉirkaŭ 150 mil lernantoj de pli ol 4000 teamoj ekzercas kaj trejnas sin ĉiu-tage ĝis malfrua vespero. Tiuj, kiuj povas ludi en *Koosien*, estas la plej feliĉaj kaj kapablaj basbalistoj. Tiun ĉi jaron inter ili sin trovas unu basbalisto kun arte-farita piedo.

***Kenta SOGA*** (17-jara), en gubernio Ehime, kiel 5-jara estis trafita de akcidento per agro-kultura maŝino de sia patro, sekve de kio lia maldekstra piedo (temas pri la malsupra parto sub la maleoloj) estis amputita. Li komencis ludi basbalon kun la patro, kiam li estis 9-jara. Lastan jaron li estis ĵetisto, sed malvenkis frue. Tiun ĉi jaron li estas triabazulo. En la finalo de la gubernia ĉampioneco li multe kontribuis al la venko de sia teamo per kvar sekurbatoj. Per sia artefarita piedo li povas kuri 50 metrojn en 5.5 sekundoj.



Kiam *Kenta SOGA* fariĝis mezlernejano, la patro proponis al li kune viziti *Koosien* por spekti basbal-matĉojn, sed Kenta rifuzis la proponon, dirante, ke li iam iros tien ne kiel spektanto, sed kiel ludanto. Ĉi-jare lia revo realiĝis. Li diris: *"Mi volas ludi libere kaj kuraĝe, kaj volas ludi kiel eble plej longe en Koosien. Mi dankas miajn gvidantojn kaj amikojn pro tio, ke ili subtenis kaj kuraĝigis min."*

*Jasuo HORI (30 julio 2003)*

*agro:* kampo, sur kiu kreskas kultur-plantoj / *amputi::* fortranĉi vivantan korpo-parton / *basbalo:* pilk-ludo; bazo-pilko / *festivalo:* amasa renkontiĝo kun festa karaktero / *finalo:* lasta, ĉion decida sport-ludo / *gubernio:* land-parto,kiel administra unuo / *impona:* respekto-veka / *kategorio:* subgrupo de sam-specaj personoj; ĉi tie: basbalistoj / *maleoloj:* du elstaraj ostetoj ambaŭ-flanke malsupre de la kruroj / *matĉo:* sport-ludo inter du teamoj / *revo:* imagita deziro / *teamo:* grupo de kunludantoj / *trejni:* fizike igi iun pli kapabla.

# Por kursgvidantoj

Rubriko de *Till Dahlenburg, Germanio*

Vi certe rimarkis, ke lastatempe en ĉiu n-ro ni liveras al vi materialon por konversacii. Vidu la *Sezonojn* en la junia n-ro, la *Trafikon* en la septembra aŭ *Nia hejmo* en la nuna. Ni intencas prezenti la plej gravajn temojn, kiujn renkontas ĉiu, kiu volas ekzameniĝi aŭ, simple, firme posedi nian lingvon.

Ĉiu temo estas prilaborebla en centoj da diversaj formoj depende de la aĝo, intereso kaj karaktero de la kursanoj. Ĉi-sube ni povas doni nur unu gustumaĵon el pluraj versioj. Sed ni esperas, ke via fantazio kreos pliajn interesajn variantojn.

Mi konsideras tre grava tasko firmigi, eĉ aŭtomatigi la plej oftajn esprimojn kaj gramatikajn formojn per vigla konversacio. Ni ĉiam komencu per simplaj formoj. Atentu, simpleco ne egalas primitivecon!

Jen, ekzemple, okaze de konversacio pri la hejmo, ŝlosila, neevitebla vorto estas – domo. Mi komencus, do, ekzemple, jene:

Kio estas *hejmo*? Hejmo estas domo, en kiu iu(j) daŭre vivas. Kaj kio estas *domo*? Domo estas konstruaĵo. Kaj kio estas *domo gramatike*? *Ĝi estas vorto? Kiu vorto?* O-vorto (:substantivo). Kia vorto? Facila, ofta, simpla, konata, k.a. (Gravas eksenti la diferencon inter *'kiu vorto'* kaj *'kia vorto'*.)

En kia domo vi loĝas? En alta, multetaĝa, teretaĝa, familia, moderna, malnova, bela, fortika... . En kiu domo vi loĝas? En tiu (ĉe la stratangulo). En tiu, kiu staras en la strato Floro, n-ro 12.

Mi loĝas en la dua etaĝo. En kioma vi loĝas? En la teretaĝo. Al vi estas bone. Vi ne bezonas grimpi alten. Ĉe ni oni ne grimpas. Kiuj loĝas alte, tiuj uzas lifton.

Mi proponas ankoraŭ kelkajn humurajn (sekve pli facile memoreblajn formojn):

Kio estas fenestro? (Venos diversaj pli malpli ĝustaj respondoj.) Vi proponu jenan ĉirkaŭskribon: Ĝi estas okulo de domo. Kaj kio estas pordo? Se fenestro estas okulo, pordo povas esti buŝo de domo, ĉu ne?

Kio estas ĉambro? Ejo kun kvar muroj, plafono kaj planko. Kaj kun pordo, kompreneble.

Kiom da ĉambroj estas en via loĝejo? Kiuj ĉambroj estas ĉe vi? Vivoĉambro, manĝoĉambro, banĉambro, dormoĉambro. En kiu ĉambro vi televidas? En la vivoĉambro. Kie staras via televidilo? En la angulo, tuj apud la pordo al la balkono. Kun kiuj ĉambroj komunikiĝas via vivoĉambro? Kun la dormoĉambro kaj la antaŭĉambro.

Kia estas via banĉambro? Malgranda, kahelita ĝis la plafono, malvasta, helblua, freŝe farbita... Per kio ĝi estas hejtata? Per gaso, elektro, ligno, radiatoro de centra hejtado, de telehejtado.

Por firmigi la materialon kaj ekzerci la orelojn kaj langojn, vi devas, kompreneble, ĉiam meti demandojn al la kursanoj *pri la aŭditaj informoj*.

Ekzemple: En kioma etaĝo loĝas Aleksandra? Ĉu vi scias, kie ŝi loĝas? Ĉu vi loĝas malproksime de ŝi? Kie televidas Johano? Ĉu via televidilo troviĝas en la dormoĉambro? Ĉu vi havas propran ĉambron kiel Karlo?

Gravas, kiel vi vidas, ke la lingvo servu kiel fonto de informoj. Tio povas garantii la atenton kaj aktivecon de la kursanoj.

---

*Konsiloj: Evitu longajn frazojn. Laŭdu tiujn, kiuj rapide kaj mallonge respondas. La lingvajn erarojn ĉiam tuj korektu kaj postulu la ripeton de la ĝusta frazo.*

Geza Kurucz

# PEZO PLAGO
## Parto 4

"Klare, Hedviga faras la atakojn, kaj la objekto de ŝia malamo estas nia lernejo" diris Riko. "Ŝi devas esti speco de sorĉisto, ĉar ĉiam iu objekto – tornistro, valizo aŭ teko – ekhavas dum horo grandegan pezon."

"Prave", daŭrigis Mira. "Oni pesis la objektojn en ĉiu kazo, la pezo estis ĉirkaŭ 300 kilogramoj – kaj post horo la pezo revenis al la kutima: kvin ĝis dek kilogramoj."

La grupo estas reveninta el Ranmonto kaj sidas en la oficejo de Mira. Ili rigardas recepto-libron, kiun ili kunportis.

"Kiaj sorĉoj!" kriis Kati, legante el indekso: "La paliga plago, la ŝtoniga sorĉo, la raniga garnaĵo, la princiga porcio, la tri-tuna truko, la memoriga magiaĵo, la flugiga fluidaĵo…"

"Sed kiun utilon ili havas? Kiun ŝi uzas? Kio estu nia sekva movo?"

"Laŭ mi", diris Mira, "Ni iru al la lernejo por paroli kun la instruistoj."

……………………………………

Bedaŭrinde, neniu plu observis la domon en Ranmonto. Ĝuste tie, Hedviga kovris sian hararon per peruko, admiris sin en la spegulo, metis botelon da trinkaĵo en sian korbon apud kolekton da instru-libroj kaj forlasis la domon. Post kelkaj minutoj, la buso jam portis ŝin al la urbo.

……………………………………

La lernejestro kun gipsita brako tuj konsentis. Mira rajtis paroli kun la instruistoj de kemio kaj matematiko. Ambaŭ instruis dum multaj jaroj en tiu lernejo kaj supozeble memoras malbonan lernanton Hedviga.

"Jes, neforgesebla ŝi ja estas!" diris inter du snufoj sinjorino Gem, la kemia instruistino. "Eĉ ĝis hodiaŭ mi ne havis pli senesperan lernanton. En la ekzamenoj ŝi ĉiam ricevis nur 1 – kaj eĉ tion ne meritis."

"Ĉu vi ofte kritikis kaj mokis ŝin?" demandis Mira.

"Nu, eble", konfesis Gem, paŭzanta nur por terni. "Mi estis pli juna tiam. Nun mi estas pli saĝa kaj eble pli komprenema."

"Kaj eĉ foje vi batis ŝin" sugestis Mira.

"Tio estis tiam normala puno en lernejoj." Sinjorino Gem ne volis rigardi en la okulojn de Mira kaj, do, serĉis en sia sako por trovi naz-tukon.

"Rea, mi ne volas kritiki vin – estas fora pasinteco", diris trankvile Mira. "Sed ni devas malkovri, kial Hedviga atakas lernantojn, instruistojn, lernejestron. Por via propra bono – eble vi estos la sekva viktimo."

"Mi volonte parolos kun vi – sed nun mi devas gvidi lecionon. Post 45 minutoj mi estos libera. Intertempe parolu kun sinjoro Fer. Li sidas tie."

"Ĉu ŝia instruisto pri matematiko?"

"Ĝuste", respondis Rea. "Perci! Jen iu, kiu volas paroli kun vi!"

Je tio, la snufanta instruistino eliris

en la infan-plenan koridoron.

.........................................

"Saluton, ĉu sinjorino Gem?" venis voĉo el la koridora tumulto.

"Jes, kiel mi povas helpi vin?" demandis Rea al okul-frapa junulino.

"Mi estas fraŭlino Vigheda, trejnata instruistino. Mi estas sendita el la trejnejo rigardi viajn lecionojn."

"Ĉu? Neniu informis min. Kutime mi ricevas informon."

"Nu!... Vi scias, kiom neorganizita estas nia oficejo. Ver-ŝajne post semajno venos la informo."

"Jes, vere. Do, mi iras al leciono nun. Venu kun mi!"

"Bone, ke vi venis, Vigheda. Se mia voĉo ne eltenos, eble vi devos fini la lecionon. Ĉu vi scias multon pri kemio?"

"Nu, pri kelkaj specialaj branĉoj, jes", respondis la perukulo.

no, kaj en la boteloj, stangoj de natrio en oleo."

"Ho, interese. Ĉu ni elprenu la stangojn?" demandis la klasa terurulo.

"Absolute ne! Se vi volas resti viva", diris Rea. "Post momento, ni rigardos la efikon de natrio sur latunon – la natrion ĉiam tenu en la oleo, en aero ĝia detru-kapablo estas konsiderinda. Mi montros tion."

Ŝi fortranĉis peceton de la natrio kaj levis ĝin en la aeron. Ĝi tuj ekbrulis per vigla flamo.

"Do, nun tranĉu peceton kaj metu ĝin sur la latunon. Rigardu zorge por vidi la efikon."

En grupoj la infanoj timeme, subolee tranĉis kaj eksperimentis. Dume, Rea levis dikan kemian libron por skribi ekvaciojn sur la nigra tabulo.

"Ve! Nekredeble! Kia reago!" Estis krioj kaj bruo.




"Kiu scias, kio estas latuno?" demandis s-ino Gem, lecion-komence.

"Metalo – kombino de kupro kaj zinko", respondis Tomaso.

"Prave. Antaŭ vi, jen pecoj de latu-

"Neniel atendebla! Nekredebla eksperimento. Kiu kredus tiun efikon?"

Efektive nekredebla. La krio kaj bruo venis de s-ino Gem, kiu subite kuŝis senkonscia sur la planko.

La krio kaj subita PUMMM! klare aŭdeblis tra la muro en la najbara instruista ĉambro.

"Kio estas tio? De kie? Apude, ĉu ne?"

"Jes", diris Perci. "Ŝajne de la kemia laboratorio. Rapidu!"

Ĉiu kuris al la pordo laŭ la koridoro, kaj ĵetis malfermen la pordon.



Jen gapanta klaso, kaj la instruistino sternita sur la planko, brakoj disaj, naztuko preter fingro-teno unu-flanke kaj la peza kemia libro je la alia.

Kati atingis ŝin unua kaj provis senti kor-baton. Bozo helpis per vigla boj-ado. Denove, la vundo estis je brako, kiu tenis la pezan libron.

Riko provis levi ĝin, sed ne povis.

"Denove tro malfrue", ĝemis Mira, "sed nur je sekundoj."

.............................................

"Ĉu sinjorino Gem trinkis ion antaŭ la leciono?"

"Jes, la help-instruistino preparis por ŝi teon, kiam ni envenis. Ni vidis ŝin trinki ĝin."

"Ĉu help-instruistino? Kie ŝi estas nun?" Nenie videbla.

"Helpinstruistino? Ĉi-semajne? Tute ne!" diris la alveninta lernejestro. "Nur venont-monate venos nova grupo el la trejnejo."

"Priskribu tiun help-instruistinon!" ordonis Mira al la grupo.

"Sorĉistina – kun stranga har-stilo kaj longa nazo."

"Hedviga, certe!"

**Helpu al Mira solvi la misteron!**

*Estu vi detektivo, kiel ŝi. Klare, ĉiu viktimo trinkis el la ne plaĉ-gusta trinkaĵo. Sed multaj trinkintoj ne suferis la pezo-plagon. Klare, estas alia kaŭza faktoro, kiu iel rilatas al magia frazo, kiun la viktimo diras antaŭ la pez-atako. Rerigardu la numerojn 1, 2 kaj 3 de nia revuo en 2003. Se vi trovos la solvon, sendu mesaĝon al la aŭtoro:* stefan.macgill@galamb.net *(aŭ skribitan leteron al la redaktoro). El inter la ĝustaj solvoj, ni lotumos libro-premiojn. La lasta parto de nia aventuro, kaj la solvo, aperos en la sekva numero. Abonu frue por 2004!*

*boji:* hunde bleki / *detektivo:* kaŝ-esploristo / *eksperimenti:* fari provon / *ekvacio:* kemia priskribo de okazintaĵo / *faktoro:* unu el la kaŭzoj / *fluida:* flua / *gapi:* rigardegi / *kombini:* kunigi / *kupro:* ruĝa metalo (Cu) / *laboratorio:* eksperimentejo / *mistero:* nekredebla okazaĵo / *natrio:* blanka metalo (Na) / *normala:* ordinara / *paŭzi:* mallonge silenti / *peruko:* falsa hararo / *snufi:* enspiri en la nazon / *stango:* longa kaj maldika peco el io / *tornistro:* dorso-sako / *truko:* io ne vera, sed laŭ-ŝajne tia.



## Sukceso en laborejo

*– Mi gratulas al vi –, diras la direktoro al la eniranta sekretariino, – ĝis nun vi neniam malfruis tiel malmulte.*

*ekskludi:* eksterlasi, malebligi / *jubileo:* rond-cifera datreveno de grava okazaĵo / *operacio:* kuracista procedo, dum kiu oni tranĉas ion en la korpo.

# humuro

### Jubileo

La direktoro de la muzik-lernejo diras al la infanoj:

– Lernantoj, hodiaŭ ni festas la naskiĝ-tagon de Wolfgang Amadeus Mozart. Pro respekto al li, hodiaŭ ni ludos neniun lian verkon.

### En malsanulejo

– Nu, sinjoro –, diras kuracisto al malsanulo post ties ekzameno, – vi nepre devas veni en la hospitalon por operacio.

– Ne, sinjoro doktoro, prefere mi mortos.

– Vidu, unu ne ekskludas la alian.

*Elizabeta* RAJTMÁR, HUNGARIO

**Spritaĵo**

## Aventuro en Usono



En granda urbo moderna aviadilo ekflugas. Kiam la aviadilo estas en la aero, la pasaĝeroj aŭdas voĉon per laŭt-parolilo:

*"Bonvenon al flugo 437. Vi devas scii, ke vi estas partoprenantoj de vere historia evento. Vi estas pasaĝeroj en la unua tute aŭtomata long-distanca flugo dum la historio de la homaro. Jes ja. Ne estas homa piloto en tiu ĉi aviadilo. Ekzistas aŭtomata elektronika sistemo, kiu stiros la aviadilon dum la tuta flugo al nia cel-urbo. Sed ne timu. Ne maltrankviliĝu! Ni provis la tutan sistemon denove kaj denove kaj denove. Ni tute certas, ke nenio povas malfunkcii... nenio povas malfunkcii... nenio povas malfunkcii..."*

*Ronald J.* GLOSSOP, Usono

# NAIM FRASHËRI

La vilaĝo Frashër [Fraŝer] troviĝas en la montara regiono sude de Albanio. Ĝi estas konata pro sia bektaŝia sekto de patriotaj kaj verkemaj muslimoj. Plej famaj el ili estas tri fratoj: *Abdyl* [Abdul], *Sami* kaj *Naim*. La unua estis politikisto, unu el la gvidantoj de la Nacia Movado de albanoj en la fino de la 19a jar-cento; la dua estis ideologo kaj sciencisto; la tria fariĝis nacia poeto de la albanoj.

Naim naskiĝis en Frashër en la jaro 1846 kaj mortis en Istambulo (Turkio) en la jaro 1900.

Lia verkaro esprimis plej komplete kaj artisme la idealojn de nia Renesanco (19a jarcento), patriotismajn kaj klerismajn ideojn, kiuj gvidus la albanan socion el la mez-epoka mallumo al la lumo de libereco kaj progreso.

La poezion de Naim karakterizas patriotismo. Per sia poemaro *Ŝafbredado kaj ter-kulturado* li kreis la poezion de la Patrio kaj Albana Naturo. Mem la verkaĵo estas ia poezia himno al la patrio, naturo kaj ties loĝantoj.

*Vi, montoj Albaniaj, vi, kverkoj digne altaj,*
*Vi, kampoj floriĝantaj, por pensoj plej ekzaltaj,*
*Altaĵoj knabinecaj, riveroj virge puraj,*
*Kaj pintoj kaj deklivoj, arbaroj verd-maturaj...*

La celo de Naim estis revivigi ĉe la albanoj ilian amon al la patrio, kiu troviĝis sub jugo, kaj instigi ilin al grandaj taskoj por liberigi kaj prosperigi Albanion.

Alia grava motivo de lia poezio estas fiereco pro Albanio, pro la nomo Albano.

*Albano mi ja estas, jen nomo de honoro,*
*Ĝi gloras kaj fieras en mia arda koro.*

Honoron, dignecon oni akiras nur danke al la Patrio, naskiĝ-loko, gastigemo, donita parolo (kiu ĉe albanoj havas pli profundan sencon per la vorto BESA), kaj ĉiujn aliajn moralajn ecojn, inkluzive feliĉon kaj ĝojon oni same povas trovi nur en sia patrio, ĉe sia kameno, en la sino de sia parencaro.

En la poemaro *Someraj Floroj* (el la jaro 1890) de Naim manifestiĝas liaj tri ĉefaj motivoj: patriotismo, filozofio kaj amo.

En la poemo *Nia lingvo,* dediĉita al la unua alban-lingva lernejo malfermita en la jaro 1887 en la urbo *Korça* [Korĉa], li diras:

*Mia lingvo – kiom bona!*
*Kiom dolĉa, kiom vera!*
*Kiom bela kaj klar-sona,*
*Kiom grava kaj libera!*

Li estis la unua albana poeto, kiu prikantis la belecon de la albana lingvo, lingvo probable la plej malnova

en Eŭropo (ĉar ĝi devenas rekte de la antikva pelazga, lingvo de Homero kaj aliaj grekaj tragediistoj, kaj per kiu la lingvistoj hodiaŭ eksplikas kaj deĉifras la enigmojn de pratempaj surskriboj kretaj, etruskaj, kaj aliaj).

Amo por Naim ĉiam estas ia nobla kaj pura sento:

*Belulino mild-okula,*
*Min rigardu ankaŭ foje;*
*Kiel rozo ruĝe brula*
*Min penetras amo ĝoje.*

Naim, kiel ankaŭ aliaj albanaj poetoj, prikantis nian nacian heroon, *Gjergj* [Ĝerĝ] *Kastrioti Skëndërbej* [Skenderbej], gvidinta albanojn dum kvaron-jarcento en sangaj bataloj kontraŭ osmanojn (1443-1468). Li alvokis sam-patrujanojn leviĝi kontraŭ la osmanojn kaj liberigi sian patrion.

La figuro de la heroo prezentiĝas per plej belaj kvalitoj:

*Li reĝo estis pleje bela,*
*Kiel suno arde brila,*
*En pensado vast-flugila*
*Lia saĝo lumis hela;*
*Lia bravo, lia klero*
*Kunbatalis por la vero.*

Naim akcentas, ke la osmana okupado ĉesigis la procezon de civilizaciiĝo de Albanio kaj puŝis ĝin en mallumon. La ĉefa ideo de la poemo estas, ke liberon oni povas akiri nur per armita milito.

*Neniam timos Albanio,*
*Mortos ne, sed trovos savon,*
*Respondon havas por Turkio*
*Nur ĉi tiun: sian glavon.*

*Bardhyl* SELIMI, *Albanio*

La poemojn tradukis *B.Ragnarsson*

*akcenti:* elparoli pli forte kaj per tio turni la atenton al io / *arda:* fajre varma; entuziasmega / *bravo:* brilaj lerteco kaj kuraĝo / *civilizacio:* kulturo en plej vasta senco / *deĉifri:* legi tekston kaŝitan, nekompreneblan / *digno:* respekto akirita per nobla konduto / *ekspliki:* klarigi kaj komprenigi / *ekzalta:* tre ekscitita kun intensaj sentoj / *etrusko:* nomo de iama popolo el Malgrand-azio / *filozofio:* scienco pri la plej ĝeneralaj demandoj de la vivo / *glavo:* tranĉa kaj pika armilo / *himno:* poemo al Dio aŭ iu nobla ideo / *ideologo:* fakulo pri idearo(j) / *instigi:* puŝi iun al ago(j) / *inkluzive:* enhavante en si / *jugo:* forta subpremo malfacile tolerebla / *kompleta:* senmanke plena / *Kreto:* granda insulo, apartenanta al Grekio / *kverko:* arbo-speco / *manifestiĝi:* iĝi klara, evidenta / *morala:* bon-konduta laŭ sociaj reguloj / *motivo:* aktiviga kialo / *muslimo:* ano de islama religio / *nobla:* morale alt-kvalita / *osmano:* turko / *patrio:* patrujo / *patrioto:* homo amanta sian patrion / *poeto:* poem-verkisto / *poezio:* arto verso-fara / *probable:* tre ver-ŝajne / *procezo:* sin-sekvo de fenomenoj / *prosperi:* plene disflori / *Renesanco:* reviviĝo de antikvaj artoj fine de la Mez-epoko / *sekto:* aparta grupiĝo de eklezio aŭ partio / *sino:* en la mezo plej varma kaj bon-koŕa / *tragedio:* teatraĵo kun malĝoja fino / *virga:* (sekse) ne-tuŝita.

## Abontarifoj de Juna Amiko por la jaro 2004

| | EUR /USD | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 9 | po 7 | +30 % |
| Tarifo 2 | 7 | po 6 | po 5 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

*Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte metas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sufiĉaj spertoj – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj argumentojn.*

## Demokratio kaj mult-lingveco

***Sci-volulo:*** Saluton, kara ĉef-komputila Moŝto! Ĉu mi ĝenas vin?

***Ĉef-komputila moŝto:*** Saluton, Sci-volulo! Tute male. Mi delonge atendas vian vokon. Ĉu mi povas vin helpi? Parolu!

***S:*** Kun ĝojo. Ĉu vi aŭdis, ke ankaŭ nia lando baldaŭ aliĝos al Eŭropa Unio (EU) kaj solviĝos por ĉiam nia izoliteco. Mi tre ĝojas.

***Ĉ:*** Gratulon! Ĉu ankaŭ la lingva izoliteco?

***S:*** Jes ja, ĉar ĉiuj lingvoj estas egal-rajtaj. Tio estas postulo de demokratio, ĉu ne?

***Ĉ:*** Sendube. Kaj kiel realiĝas la demokratia principo de komunikado en EU? En kiu lingvo vi, ekzemple, parolos kun estono? Ĉu en la estona aŭ en la hungara?

***S:*** Ili ambaŭ estos oficialaj lingvoj de EU, tamen praktike, tre verŝajne, ni komunikiĝos en iu labor-lingvo de EU, ĉu en la angla, franca...

***Ĉ:*** Se ekzistas distingo inter la lingvoj, t.e. ekzistas, unu-flanke, oficialaj lingvoj, aliflanke, laborlingvoj, tiu-okaze ne ekzistas vera egaleco en la komunikado.

***S:*** Vi pravas. Tamen, tio estas pli bona ol se estus nur unu deviga lingvo por ĉiuj.

***Ĉ:*** Sendube. Kaj vi pravas en tiu okazo, se la deviga lingvo estus iu el la lingvoj de la aliĝintaj nacioj. Sed kiel paroli pri demokratio ĉe tia okazo?

***S:*** Ni devus, do, laŭ via opinio, elekti iun ekster-eŭropan lingvon por preferi neniun nacion.

***Ĉ:*** Tio estus stultaĵo. Ekzistas, ja – de pli ol 100 jaroj – neŭtrala internacia lingvo, kiu baziĝas sur la hind-eŭropaj lingvoj, kaj kiu – pro sia reguleco – estas multe pli facila ol iu ajn el la naciaj lingvoj. Prudenta homo, mem-kompreneble, elektus tiun elir-vojon, se li vere deziras demokration.

***S:*** Pri tio mi absolute konsentas, eĉ plen-kore apogas ties realigon laŭ miaj modestaj forto kaj kapablo.

***Ĉ:*** Mi deziras al vi kaj al viaj amikoj, baldaŭan triumfon en la komunikada kampo.

*Venis jam la tempo de demokratio ankaŭ en la komunikado transnacia*

*argumento:* pruvo, ke io estas vera / *estono:* popolo apud la Balta Maro / *principo:* fundamenta veraĵo / *stulta:* malsaĝa / *triumfo:* brila venko, sukceso.

*Nia pli aĝa frato.*
*Du-monata revuo de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO)*
TTT-ejo: www.tejo.org/eldonoj

***Solvo de VENDE** (p. 6)*
*en n-ro 3(106)*
*"Elprenu la kuleron el la kafo!"*

**Testudo galopas, ĉu ne?**
*Solvo: GLITKURAS*
*Premiitoj: Ivana Gajić, Maja Tomić, Anđela Stanojević (ĉiuj tri el Serbio)*

## Solvoj de "12 plejoj pri Esperanto"

*(n-ro 106, paĝo 3)*

**1**. Esperanto; **2**. Hind-eŭropaj lingvoj; **3**. En la rusa lingvo; **4**. Plena Ilustrita Vortaro (PIV); **5**. Universala Kongreso (UK) de Esperanto; **6**. En la 72a UK (Varsovio, 1987); **7**. Internacia Infana Kongreseto (IIK); **8**. La ĉiama prezidanto de Universala Esperanto-Asocio (UEA). La nuna prezidanto estas Renato Corsetti (Italio); **9**. Ivo Lapenna (Kroatio); **10**. Hamleto; **11**. La vorto "krokodili"; **12**. Kamparano ( = kampa rano).

*Pardonu, kara leganto, ke ni ne informas pri Ĉinio, la venont-jara kongreslando, kiel kutime, sed la promesita kontribuaĵo ne alvenis, bedaŭrinde.*


# juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**
30a jaro, n-ro 4(107), 2003
**Aperas 4 fojojn jare**
**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**
**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**
**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**
**Administranto:** *Sándor Hideg*, Szendrey u. 19, HU-2016 Leányfalu, Hungario
Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**
**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**
Lingva reviziando: *Baldur Ragnarsson* (Islando)
**Kunlaborantoj:** ***s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Čirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Beloševič*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Jasuo Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)
**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)
**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)
**Farita en Presejo Saluton**
**Váci út 81-85, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

## ISSN 0230 1318

